VERDA UTOPIO

INTERNACIA REVUO ESPERANTA

REDAKTORO: KUNITARO FUKUTA

ADMINISTRACIO KAJ REDAKCIO:
"VERDA UTOPIO"
5265, UEHOMMACHI 7-CHOME,
MINAMI-KU, OSAKA, JAPANUJO.

JARABONO:
Eksterlando: Yen 1.70, Enlando:
Yen 1.50, Helpabono Yen 5.00.
Konto ĉe Kajima Banko, Osaka
Poŝtĉekkonto: Osaka No. 55629

VOL. III. APRILO 1922 NO. 4

# VIRINO en MODERNA JAPANUJO.

De S-ino K. Jamakaŭa

(Daŭrigo)

La "Onna Daigaku" (la Morala kodo por virinoj), verkita de fame konata filozofo en la Tokugaŭa epoko, plej bone desegnas la modelon de virina moraleco en la tiutempo. Pri tio devus esti notite, ke la konfuciisma kaj la budhisma instruo emfazas pri virina malsupereco. La "Morala kodo" predikas pliemfaze la virton de obeemeco kaj ĉasteco. Ĝi diras: "virino devas obei al siaj gepatroj dum juneco, sekve al sia edzo kaj poste al sia infano." La lasta frazo signifas, ke, kiam virino maljuniĝis, ŝi devas obei al sia filo, kiu estas mastro de la familio. La "Morala kodo" devenas de la enkondukita al japanujo malnova Ĉina kodo, kiu reguligas, ke "virino povas esti eksedzinigita de sia edzo, se ŝi ne obeas al siaj gepatroj laŭleĝaj; se ŝi ne naskas infanon; se ŝi ne estas fidela; se ŝi estas jaluza; se ŝi infektiĝas de malbona malsano tia, kiel lepro; se ŝi estas tiel babilema, kiel tio povos kaŭzi konfuzon en la hejmo aŭ inter la parencoj; se ŝi emas ŝteli" Jen, por memoro, citaĵo el la "kodo":

"Virino ne havas specialan sinjoron por servi. Si

devas servi kaj estimi sian edzon kiel sian sinjoron kaj mastron. Virino estas farita nur por obei kaj servi...... Eĉ se ŝia edzo furioziĝas, ŝi devas tamen obei lin. "Virino devas suprenrigardi sian edzon, kiel Ĉielulon, ŝi devas ĉiam esti zorgema ne malplaĉi lin, por ke ŝi ne estu kondamnita de Ĉielulo."......... "Ŝi devas neniam esti ĵaluza, eĉ se ŝia edzo estus malfidela, tamen ŝi neniam devas esti malbonvoleca kontraŭ li,.........Se li estus nefidela kaj adultema, tiam ŝi persvadu en trankvila kaj modesta maniero lin for de tia ago,........neniam kontraŭdiru lin en kruda maniero." "Virino frue vekiĝu en la mateno kaj enlitiĝu malfrue en la vespero. Ŝi neniam dormetu en la taghoroj kaj ŝi devas ĉiam esti zorgema en mastrumado. Si estu diligenta en kudrado, teksado, ŝpinado kaj brodado. Ŝi ne drinku teon kaj alkoholaĵon. Si ne vizitu lokon de amuzaĵo tia, kiel teatro aŭ muzika festo."......... "Dum ŝi estas kvardek jaraĝa, ŝi ne iru ofte al loko, kien multe da popoloj venas, tia kiel templo aŭ sanktejo........." "Dum juneco ŝi ne kondutu amike kun junaj viroj, ĉu ili estas la edzaj parencoj aŭ amikoj aŭ servantoj." "Kia ajn afero tie estas, ŝi neniam skribu al juna viro." "Si neniam iru ien ajn sen permeso de sia edzo." "Al iu ajn ŝi ne donu donacaĵon libervole. Virino ĉiam restu en hejmo kaj ne iru eksteren arbitre." "Malobeemeco, maliceco, kalumnieco, ĵaluzeco, stulteco, ili estas la naturaj difektoj de virino, kaj tial ŝi neniam povas egali viron." "En ĉia afero, ŝi devas konfesi al lia supereco, ŝi devas nur obei kaj servi lin." "Virino neniam koleru eĉ kiam ŝi estas malestimata kaj insultata,......... Ŝi devas elporti ĉion, kaj ĉiam esti zorgema kaj timema."

En tiuj tagoj legitimaj edzinoj estis subtenataj nur por produkti laŭleĝajn heredontojn kaj gardi siajn edzajn

hejmojn same, kiel en antikva Ateno. Kiam virino edziniĝis, ŝi forrazis siajn brovojn kaj tinkturis sian dentaron nigre, kaj kunligis sian kapohararon en " Maru-mage " (speciala stilo de hararokunligo nur por la edziniĝintaj). Tiuj ĉi unuaj du kutimoj fariĝis arkaikaĵoj de la lasta tempo, kvankam ili estas ankoraŭ nun trovebla okaze. La plejmultaj edziniĝintaj virinoj kunligas sian kapohararon en " Maru-mage " stilo ĝis hodiaŭa tempo. Multe da virinoj tondas sian kapohararon, kiam la edzo mortis. Kontraŭe la viroj estis liberaj esti tiel diboĉaj laŭ sia plaĉo. Estis ordinale por ili havi kromvirinon. Prostituado prosperis senekzemple, publika malĉastulejo fariĝis loko de socia interkomunikiĝo por viroj kun pozicio kaj riĉeco. Same kiel en Ateno, famaj virinoj aperiĝis el la vicoj de prostituulinoj, dum virinoj el bonaj familioj estis nuraj sklavinoj de la hejmo. Plejmultaj el ili estis malkleraj, ilia sola intelekta edukado estis lerni parkere tutan tekston de la " Morala kodo ".

En la malsupra klaso, malegaleco de viro kaj virino estis ne tiel rimarkinda, sed ĉar ĉiu estis subpremata kaj piedpremata de la supra klaso, ĉi tiuj virinoj estis ne plifeliĉaj ol la riĉaj fratinoj. Ili laboradis malfacile en kamparo kaj hejmo, sed ne povis akiri ekonomian sendependecon kiel frukton de ilia laboro. Ili vivadis kaj laboradis kiel nuraj ŝarĝobestoj nur por subteni en luksa vivo popolojn de la supra klaso.

Tra tiuj jarcentoj de degradeco kaj dependeco, la japana virino estis difektata en notinda grado kaj fizike kaj mentale. Enfermita en sia hejmo kaj entute absorbita per la trivialeco de taga vivo, ŝi perdis la larĝan perspektivon socian ĝenerale, kaj tiel fariĝis egoista kaj malliberala. Ĉar ŝia homeco estis piedpremata en la plej

ruza maniero, ŝi perdis sian fierecon kaj indecon kiel homo. Tial ŝi provis revenĝi mem je viro por superregi lin pere de minaca influo de sia seksa ĉarmo. Ĉi tiumaniere, ŝi fariĝis ĝenaĵo por viro kaj kaŭzis ne malgrandan malfacilaĵon en la socia kaj politika vivo.

Ĉe la fizika flanko, ŝia plimalboniĝo estis plej bone plezentita per la aliiĝo de la belulina tipo. En frua epoko la japanaj artistoj pentris, kiel idealan belulinon, la maldelikatan, fortikan, rozkolorblondan kaj bonekreskintan. En posta epoko, malgrasa, pala, malsanema virino, nekapabla al iu utila laboro, fariĝis ilia ŝatata tipo. En la posta Tokugaŭa'a periodo ilia sola subjekto estis prostituulino. (Ankaŭ la heroino de noveloj aŭ romancoj estis grandparte prostituulinoj. La prostituulina kvartalo estis la ĉefa sceno de literaturaj verkoj en la tiutempo.) Tiel estis la efekto de la virina degradeco.

En 1859 feŭdalismo malstariĝis. De tiu tempo la japanujo estis rapide kapitaligata, Centoj kaj miloj da virinoj devige foriris el la ilia longeŝatata hejmo por konkuri kun viroj en la labora marketo. Nun, la nova ĉeno de salajrosklaveco estas aldonita al la malnova jugo de seksosklaveco. Pro siaj malklereco kaj senhelpeco, hereditaj de la pasinteco, virinoj facile fariĝis viktimoj de monavidaj kapitalistoj. Tiel ni vidas nun niajn proletariajn fratinojn en la mezo de la rekta mizero, nekomparebla kun tiu en iu alia civilizita lando. (Daŭrigota)·

Trad. Kofo.

Ia grava movado idea nun turmentadas la imperion (japanan), kiun fondis la imperiestro Jimmu Tenno, la dia almilitisto." — Henri Barbusse —

# SOCIA VIVO

## IMPRESOJ PRI JAPANUJO.

(El notlibro de verema japanamanto)

(**Daŭrigo.**)

### IV

### Veremeco, Precizeco kaj Akurateco.

Travivinte iom da tempo en japanujo, vole-nevole vi atentas kelkajn negativajn trajtojn de japanoj. El ili, dank' al ĉiutaga kunpuŝiĝo kaj interrilatiĝo kun japanoj, plej ofte nin frapegas la facilanimeco de japanoj—Malesto de estimo kaj honorigo de sia donita (promesita) vorto, malkapablo kaj malemo ŝati tempon (sian kaj de iu aliulo), manko de akurateco. Ĝenarale, japano facilanime rilatas al tempo kaj promesaĵo. Ili ĉiam havas vortojn estimplenajn kaj honorigemajn, eĉ en maldolĉaj kaj malagrablaj por ili okazoj, vortojn promesantajn kaj flatajn, ili ne scipovas rifuzi ies peton kaj pli preferas diri "jes" kaj malplenumi la jesaĵon, ol dolorigi vin per rekta rifuzo. Verdire, okazis al mi eĉ faktoj de maldelikata sinturno (sintenado) de japanoj (ekz., en redakcio de unu gazeto), okazoj de maldelikata sintenado de la polico al, ekz., arestita rusa blindulo S-ro Eroŝenko, kiun, laŭ vortoj de "Jomiuri", ili eĉ batetis, kaj kies homobjektojn rompis kaj disŝiris, sed, ĝenerale, similaj okazintaĵoj malofta j estas. Kiel regulo—japano estas ĝentila kaj afabla, eĉ tro ĝentila, li estas dolĉa, agrabla kaj servema, eĉ tro serve-

ma, li estas cedema, jesiga, komprenema, eĉ tro jesiga, promesas orajn montojn, dolĉkukajn riverbordojn, laktajn lagojn, tro promesas, kaj grandparte li malplenumas eĉ dekonon pro iaj ajn protekstoj, kaj eĉ li ne emas eviti vian renkonton post tio, ne hontiĝas, kvazaŭ nenian malbonon li faris. Ĝi ne estas izolitaj specialaj okazintaĵoj, esceptaj, sed, mi povas diri, ĝi estas oridinara okazaĵo, ĉiutagaĵo, pri kiu ĉiu ruso—ĉu longe ĉu mallonge—travivinta en japanujo—povas multe rakonti. Dum 2 jaroj de mia esto tie ĉi mi memoras nemulte da okazoj de akurateco kaj plenumo de donita promesaĵo de japano, sed tute pozitive kaj reale mi fleksiĝas sub pezo de impreso de ilia ĉu vola ĉu nevola ĉiama ŝanĝemo, trompetemo, neegalpezeco, malkonstanteco. Neniun vi povas tie ĉi firmege apogi kiel sur ŝtoneton, ĉio kaj ĉiu ĉi tie balanciĝas komence de l' tero (grundo) kaj finante korojn, sentojn, kapojn kaj pensojn de loĝantoj. Dank' al tio, tre malfacile estas aranĝi seriozajn aferojn: senfinaj konversaciaj promesadoj kaj—la afero ne antaŭenmoviĝas. Vi ne povas absolute apogi vin sur amikon, nek sur konatulon, ne kies rekomendon, nek samideanecon. Por iom da tempo—jes, sed ĉiam vi povas atendi, ke subite, pro ia malgravaĵo, pro ia de vi nedirebla kaj, sekve, nekomprenebla kaŭzo la amikeco ruiniĝas, vi ricevas nur malvarme oficialan indiferentan rilaton, oni ne respondas vian leteron, oni komprenas (ne volas kompreni)...... Tolerinte ĉio ĉi sur si mem en plej diferencaj, malsamaj okazoj, komence de amikoj, konatuloj kaj eĉ ideplenaj samideanoj (inter kiuj plejmulto estas la plej bonegaj, honestaj, ideaj homoj) kaj finante kamaradojn laboristojn, japanajn ortodoksa-kristanajn pastrojn en Surugadai kaj mia dommastro laboristo,—mi, por subteno de mia opinio, min apogu

sur la opinion pri tiu temo de la plej kompetenta aŭtoritato, kiu perfekte konis animon de japano, la mortinta ĉefepiskopo Nikorajo. Ĉiu konas kaj kredas, ke li tre amis japanujon, laŭdis ĝian vivordon, tre amis, ĝenerale, japanojn kaj ĉiam defendis ilin kontraŭ akuzatakoj, tamen, jen kion li skribis pri ili en siaj intimaj privataj leteroj al sia amiko helpanto : " en animo de japano estas manko de dankemo ", " nek je unu japano ni povas apogi......... ĉiam memoru, ke ĉiuj ili povas perfidi.........Neniu estas esperinda......... Tio ĉi estas malgaje, sed, tio estas vere ......" (dirite rilate al kristanoj). Konforme al tio la nuntempa Surgadaja episkopo Sergio diras : " malgraŭ tiu terura ulcervundo (en koro) de Nikolao, li ne malesperis, ne perdis energion." Ankoraŭ frazoj de Nikolao : " plej malbone estas, ke ili (japanoj) estas ne fidindaj kiel infanoj, ŝanĝemaj........." Pri unu fama japana agulo li skribas : "......japanoj preskaŭ ĉiuj estas hipokritaj : bonaj rigardoj, dolĉaj vortoj centfoje, sed la 101an fojon li eligos ungojn.........Ne trofidu lin, estu singardemaj. Tiel skribas intime kun malĝojego kaj ĉagrenego la plej bona konatulo de japanoj kaj japanamantego, kiu tutan sian vivon oferis al tiu Lando kaj nun mem fariĝis "japana cindro ", parto de japana tero, pri kiu li mem diris al kristaninoj, alvenintaj en la nomo de virina societo por sciiĝi lian sanon antaŭ lia morto : " kial vi ploras ?.........Tutan mian vivon mi fordonis al japana eklezio.........kaj nun tempo venis fordoni al ĝi ankaŭ la korpon.........Mia korpo, ĉu vi vidas, fariĝos japana tero.........kaj estu ĝi garantiaĵo, ke ankaŭ mia animo ĉiam estos kun japana eklezio......Kaj tie mi estos preĝanta pri ĝi !......" Tiel amanta patro de kristanaj japanoj ne povis mensogi isajn spiritajn ideojn, kaj tamen li supremaldolĉe atestis

kelkajn karakterize japanajn negativajn trajtojn. Plorĝeme li tion atestis. La episkopo Sergij diris, ke tiu demando estis turmentiga ulcero de lia nobla koro. La samon pri japanoj diradis al mi la pasintjare mortinta rusa ortodoksa diakono muzikkomponisto Dmitrio Svovskij, dum 50 jaroj travivinta en japanujo, aldonante: "min ili ne erarigos, laŭ ilia mieno mi legas iliajn pensojn kaj sentojn!"

Nek en pograndaj aferoj, nek en la pomalgrandaj vi povas absolute firme fidi japanojn. Al japano mankas civitana kuraĝeco malkaŝe diri "ne", kaj li kontraŭvole diras ĝentilan "jes" eĉ ofte antaŭsciante, ke li ne povas plenumi la promesaĵon, li ne sukcesos plenumi tion, kion li eĉ sincere promesis en arda momento; kaj, post malapero de ardeco li tute facile kiel infano aŭ insulano neniigas la promesaĵon, pli facile kaj trankvile ol germanoj neniigas traktatojn kiel paperĉifonojn. Ŝajnas, ke japano ne scipovas kompreni psikologion de eŭropano, ke ĉiurilate pli bona estas malkaŝa rifuzo, ol la kaŝita, ke orumitajn pilojn amas kaj bezonas nur infanoj kaj duonsaĝuloj, sed la maturoj ne tion bezonas. Dum 2 jara esto en mia animo kaj en animo de multaj rusoj amaŝiĝis ĉagrena sento tiurilate. Mi amas japanojn, mi estimas grandan kapablan nacion kaj tial duoble pli ĉagrene estas observi tiun difekton de karaktero.

Ne forgesu, ke 3.000 da rusoj, loĝantaj en japanujo, iam revenos hejmen kaj tre grave estos por estontaj reciprokaj rilatoj inter japanujo kaj rusujo, por ke ambaŭflankoj bone komprenu unu la alian kaj laŭeble (speciale en komerco kaj politiko) forigu, evitu tiajn difektojn, kiuj povas malbone influi kunvivon de du gloraj popoloj najbaraj. (Daŭrigota)

Siberia pastro Inocento Seriŝev.

# LITERATURO

## Homo-Formika Konferenco.

De J. Kaneko

Estis nokto. Homo-Formika konferenco okazis en iu bela domego ĉe Marunouĉi, centro de Tokio.

En ĝi ĉeestis po 50 da formikoj kaj da homoj, el kiuj ĉiuj estis "eminentuloj" reprezentantaj siajn grupojn aŭ societojn.

Inter la reprezentantoj de la homa partio sin trovis ministroj, generaloj, parlamentanoj ktp., kaj ili ĉiuj sin vestis per bele luksa eŭropa vestaĵo. Sed la formikoj sin vestis, kiel ĉiame, per malpura kaj ĉifonita vestaĵo, el kiuj unuj estis plenaj je sterkodoro kaj aliaj je oreodoro, kaj estis tiel mizeraj, ke oni tute ne povas turni sian nazon al ili.

Tial ke la dio, kiu regas la terglobon, tiel maljuniĝis, ke li sentas sin nekapabla subpremi furiozajn lupojn kaj leonojn kaj volas eksiĝi reĝecon kaj fordoni sian tronon al iu el la homo kaj formiko, oni kunvokis reprezentantojn el ĉiu grupo aŭ societo por konsiliĝi pri tio.

Elektrolampo hele brilis kaj lumigis al la karmezineta muro de la ĉambro. Ĉe seĝoj en dekstra flanko de la ĉambro sidiĝis la hompartianoj kaj maldekstre la formikoj.

Post iom da tempo senorilo trasonoris tra la kunsidejo anonci malfermon de la kunveno. Baldaŭ ministro,

unu el la reprezentantoj de la homa partio, alpaŝis al oratorejo kaj komencis salutparoladon kiel la prezidanto:

——" Estimataj Sinjoroj! ", ekparolis la ministro, kun maldensaj haroj ĉe kapo kaj ruĝa vizaĝo, ridetante. "Por ni, vivaĵaro, estas ja malĝojinde kaj bedaŭrinde, ke ĉi tiun fojon nia dio eksiĝis reĝecon...... Nu, li volas fordoni sian tronon al iu el la homo kaj la formiko, kiuj estas la plej saĝaj el la vivaĵoj kaj laboradis por bono de la mondo. Pro tio hodiaŭa kunsido, mi pensas, havas gravan signifon......... Nun, antaŭ ĉio, kiel mian personan deziron, mi havas kelkajn vortojn speciale al vi, formikoj. Ĝis nun vi kaj ni, homoj, ofte kunsidis pri diversaj demandoj, ĉiufoje de la kunsido konflikto okazis inter vi kaj ni kaj multe da vunditoj estiĝis, ekz., iun fojon iu formiko enrampis inter la fermuroj de ministro kaj donis vundon por kuracado de tri semajnoj, alia suprenrampis, pikadis kapon de honorinda generalo kaj donis ankaŭ vundon samgradan......... Ke la formikoj estas tiel maldecaj, estas bedaŭrinde por progreso de la vivaĵaro......"

——" Ne, tute ne."

——" Car la homoj estas ruzaj."

——" Pro ke la homoj tro uzas artifikon."

——" For la prezidanton! "

——" Malkonfidon al la prezidanto! "

Tiaj teruraj krioj aŭdiĝis el maldekstra flanko.

——" Kviete, kviete! ", ege surprizita de la krioj la dolĉa prezidanto tiel kriadis, levante sian manon.

Post iom da tempo apenaŭ kvietiĝis kiel antaŭe. Kaj post kiam la salutparolado de la prezidanto finiĝis, laŭvice komenciĝis paroladoj de la reprezentantoj de la ambaŭ partioj.

——" Estimataj Sinjoroj! ", ekparolis la unua la Sukero-

ministro, la gvidanto de la homa partio. Li estas tiel saĝa kaj sagaca, ke li povas ensorĉi popolamason lerte uzante artifikon.

——" Mi pensas, ke, kiu anstataŭante la dion povas regi vivaĵaron, certe, nur estas la homoj. Kiuj komprenas mentalon de la vivaĵo kaj posedas esprimoteknikon, krom la homoj neniu ekzistas. Jen belega pentraĵo, jen dolĉa muziko, jen literaturaĵo en kiu estas desegnita tro komplika mentala fenomeno de la homoj, jen grandioza konstruaĵo, ilin ja neniu posedas krom la homoj. Antaŭ ĉio, formikoj, kion vi posedas? Ĉu ili posedas moralon? Ĉu ili konfesas al Dio? Ĉu ili posedas tiel komfortan ĉambregon kiel ĉi tiu? Jen nia propra tekniko. Kaj ĉu ili posedas belan vestoĵon? Videble ne. Ili ĉiam portas nur unu vestaĵon ĉifonitan, malpuran kaj plenan je malbonodoro. Kiel, sin vestante per tia vestaĵo, ili povas posedi aŭtoritatecon, kiel reganto, okaze de la kunsido de la vivaĵoj? Certe ne. Ili ne komprenas belajn florojn. Eĉ se ĉerizfloroj, violoj aŭ peonioj al ili proponus je danco, tamen ili nenion povas fari. El tiuj punktoj, mi povas konkludi, ke nur estas ni, homoj, kiuj kapablas regi la terglobon." (Daŭrigota) Trad. K. F.

◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆

# El Japanaj Popolkantoj.

Alvenas, alvenas
Cent dudek sep ŝipoj!
Ĉu mia karulo
Sin trovas en tiuj?!

Rigardu la monton
Jen ekridentantan!
En vangkavetoj
Jen akvo printempa!

Trad. Jŭgao Hirano

## BIBLIOGRAFIO.

**Dokumentoj de Esperanto.** Informilo pri la historio kaj organizo de la Esperanta movado, kunmetita de D-ro A. Mobusz. Eldonis Esperanto-Verlag Friedrich Ellersiek, Wissmannstr. 49, Berlin S. 59. 198 paĝoj. 12½ × 18½ cm. Havebla ĉe "Verda Utopio". Prezo: 1.50.

Jen saltinda grava verko, en kiu novaj samideanoj, ne travivintaj en la unua periodo de Esperanto, trovos sufiĉan materialon, kiu estas nun malpli facile akirebla, por studi la historion de Esperanto, la organizon de la esperantistaro, la sciencan bazon de nia lingvo. Jen la tabelo de la enhavo: El la biografio de D-ro Zamenhof, Letero pri la deveno de Esperanto, La unua gazeto esperantista, Ĉiuj kongresparoladoj de D-ro Zamenhof, Oficialaj institucioj, Regularo de la lingva komitato, Nomaro de la Akademianoj kaj lingvaj komitatanoj, Esperanta Centra Oficejo, Pri internacia organizacio de esperanto, Statuto de UEA, Antaŭparolo al la "Fundamento de Esperanto", Pri Delegacio, ktp.

**Unua Kajero.** Nova Tempo-Libretaro. Aŭstria kolekto de legindaj rakontetoj, fabloj k.t.p. 32 paĝoj. 12×19 cm. Havebla ĉe la eldonejo "Nova tempo", Mollardgasse Nr. 55, Wien VI, Aŭstrio. Prezo: aŭstr. K. 30, germ. M. 3, sv. Fr. 0.3.

**La formortinta Amiko.** Teoria kaj praktika partopreno por pruvi la identecon de la spiritoj. Verkis Jules Thiebault. El la franca lingvo tradukis E. Grosjean-Maupin. 32 paĝoj. Havebla ĉe Esperantista Centra Librejo, 51, rue de Clichy: Paris. Prezo: nemontrita.

**Essai sur la Derivation comparee dan les langues naturelles et artificielles.** de Camille Aymonier. Publication de la Societe des Amis de l' Esperanto No. 9. 132 paĝoj. Havebla ĉe Centra Oficejo Esperantista, 51, rue de Clichy. Paris. Prezo: Fr. 5.

**L'Esperanto et les Associations Internationales au Congres Mondial de Bruxelles 1920.** Publication de la Societe des Amis de l' Esperanto No. 8. 38 paĝoj. Havebla ĉe Centra Oficejo Esperantista. Prezo: Fr. 2.

**Sakludado.** Komedieto de Josefo Glacosa. El la itala lingvo verse tradukis Fratoj P. kaj R. Padulli. Kolekto de la revuo "L'Esperanto". 48 paĝoj. Havebla ĉe A. Paotet, S. Vito al Tagliamento, Italujo. Prezo: Fr. 2.50.

**Ĉu la kulturitaj nacioj bezonas kristanismon?** Mediteroj notitaj de H. Salokannel. Vendata por la bono de blindaj esperantistoj. 16 paĝoj. Havebla ĉe O. Y. Movado, Kasarminkatu 20, Helsinki. Finnlando. Prezo: sv. Fr. 0.25 aŭ 3 respondkuponoj.